# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj**

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 08/09/2016 Ducentokdeksesa eldono 08/09/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer** rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **518,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)




## Havas Novan Prezidanton



La jara kunveno elektis Jonathan Cooper kiel Prezidanton
Dmitry Lusnikov kiel Vicprezidanton kaj Alan Turvey kiel estraranon
Kaj reelektis John Casey kaj Nicole Else kiel estraranojn
Roger Springer ne regajnis la postenon de Prezidanto.

Mankas kandidatoj por du estraranaj postenoj.
La nova Estraro enoficigis Richard Delamore kiel estraranon.

Roger Springer estis prezidanto dum la antaŭaj 6 jaroj

★★★★★★

Karaj,

Jen foto de la nova estraro de la NSK Esperanto-federacio kun Margaret Chaldecott kiu ja estis en la estraro dum multegaj jaroj. Mankas sur la foto John Casey, kiu ne partoprenis en la jarkunveno.

Amike, Nicole



]★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Margaret Chaldecott



Jes, bondezirojn al Margaret Chaldecott, konscienca, subtena kaj fidema ano de EFSK. Fakte, de la monda Esperanto Movado mem.

Ekzemple, antaŭ kelkaj jaroj dum la UK Vilnius, Litovion, Antony Gaskell kaj mi ege ĝuis prelegojn en teknika terminaroprogramo. Margaret elektis priparoli trikitadon. Ŝi vortpentris la temon por la aŭdantaro kiuj inklusivis Akademianojn. Ili serĉis teknikajn vortojn el la parolantaj igi enmetitaj en novan vortaron.



Do, gratulojn, Margaret

Chris Holliss

---

# Kelkaj ideoj miaj.



Iu konservativa ĵurnalo melburna postulas firman agadon kontraŭ almozpetantoj, ĉar ili ĉasaĉas la piedirantojn por helpo mona aŭ alia. Pluraj el ili sidas kaj kuŝas, krom dum la tago ankaŭ dum la tuta nokto sub litkovriloj aŭ ĉifonoj. Nu, mi trovas tiujn homojn malpli ĝenaj ol la aliaj, la komercaj almozpetantoj, kiuj ĉasaĉas nin en televido, en radio, en teatroj, k.t.p. Kial tiu ĵurnalo ne agitas ankaŭ kontraŭ tiuj komercaj almozpetantoj, kiuj same deziras nian monon? Kvankam por parto de la petata mono tiuj donas varojn, ankaŭ la stratpetantoj donas al ni ion, nome la ŝancon fari helpemajn agojn al socianoj, do al la socio.

Ni ja povas juĝi la homaron kiel familion. Speciale la homojn en unu lando. Traktante ĉiujn homojn de unu nacio kiel samfamilianojn, ni konsekvence povas postuli, ke ni ĉiuj estas egalrajtaj kaj sekve posedu egalan kvanton de la riĉaĵoj de nia lando. Eble malsanuloj diversspecaj, kaj aliaj fizike ne plenkapablaj membroj bezonas iom pli da havaĵoj ol la sanaj samfamilianoj. Kaj ĉiuj membroj de la granda nacia familio laboras kompreneble por la ĝenerala bono de la socia familio. Ke tio ankoraŭ ne okazas ĝenerale, kaŭzatas de nia manko de inteligento. Sed intertempe la riĉuloj inter ni devas esti dankemaj al ni, kaj danki nin, la neriĉulojn, ke en nia landa familio ni lasas ilin, la riĉulojn, elpreni el la nacia havaĵo pli ol ni, la neriĉuloj, prenas. Ĉi tiu dankemo ankoraŭ ne estas ĝenerala. Kelkaj riĉuloj eĉ havas la falsan opinion, ke ili iel havas la rajton por pli da posedaĵoj ol la mezaj nacifamilianoj havas. Kompreneble en familio kia la nia nacia tio ne ĝustas. Ni laboras por la familio, por la nacio, laŭ niaj kapabloj, kaj ĉiu el ni ricevadas, kiel en malgranda familio, la saman kvanton da riĉaĵoj. Do vivu la honesta familio!

Ĉu la juro, la leĝoj de Aŭstralio, kaj de aliaj landoj, estas justa? Mi trovis kelkajn leĝojn aŭ jurkutimojn strange nejustaj, aŭ almenaŭ nejuste aplikataj. Mi donas kelkajn ekzemplojn. Mi antaŭmetas, ke punoj ekzistas por rompoj ante la regulojn, la leĝojn, kaj laŭ certa gradaro laŭ la krimo. Ies konduto ekster krimo do ne povas punati, ĉar ĝenerala kaj kutima konduto ne estas punata, ĉar ne kontraŭleĝa kaj do ne krimo. Kial do oni povas punati por tiel nomata malbona konduto per ekstra mallibero krom la tiel nomata minimuma por la krimo mem? Konduto en la malliberejo post la krimo ne estas parto de la krimo. Ĝi ja dependas de ies karaktero, kredo, edukado, kaj de ies konvinkoj, kiuj ne estas parto de la krimo. Ekstre puni, sen procezo, pro ies karaktero aŭ pro ies kondutmaniero, estas maljusta. Oni povas punati pro manko diri la veron, dum la kortegosido, ĉar tio estas krimo. Sed ne pro manko de bona mallibereja konduto, sen tribunalo.

Oni diras ke la juĝo ate de juĝisto estas prava. Sed kiel oni do povas de juĝisto juĝati kulpa kaj post tio de pli alta juĝisto juĝati nekulpa? Unu el la du juĝoj devas esti maljusta. Do juĝoj ne ĉiam estas pravaj, kaj teorie kaj filozofie neniam. Ĉu la malpravaj juĝistoj estas kulpaj je krimo kaj punatas?

Ĉu iu povas punati por la krimo farita de alia persono? Jes, en nia jursistemo tio eblas, ĉar juĝistoj rajtas puni min por mia krimo kaj krome puni min pro eventuala krimo de alia persono. Ja la juĝisto povas doni, krom la punon pro mia krimo, pli da puno por persvadi aliajn homojn ne fari la saman krimon, do kiel averton.

Kaj fine la juĝisto povas puni min malpli severe ol alian krimulon, surbaze de mia laboro \aŭ de mia pozicio en la socio.

Mi ne sentas min sendanĝera en la juro aŭstralia kaj alilanda.

Kiam en 1952 mi kun familio elmigris el Nederlando al Aŭstralio, ekzistis kontrakto inter la du landoj pri la migrado de nederlandanoj al Aŭstralio. Laŭ tiu kontrakto Aŭstralio transprenis parton de la enloĝantaro de Nederlando.

En mia opinio la kontrakto estis maljusta, ĉar la ricevanta nacio rajtis decidi, kiujn homojn akcepti kaj ne, dum la perdanta lando ne havis la rajton decidi, kiujn nederlandanojn perdi aŭ ne. Estus en mia opinio justa, ke en tia amastransiro la ricevanta lando akceptu enmigrantojn reprezentantajn la tutan popolon. Fakte tio ofte okazis kaj Aŭstralio akceptis ĉiajn specojn de homoj, laŭ aĝo kaj profesio. Sed laŭ unu kriterio la nederlanda perdo ne estis mezhoma, nome laŭ la sanstato. Dum mi sentas, ke se ekzemple kvin procentoj de la nederlanda popolo estas ne tute sanaj, Aŭstralio devus akcepti kvin procentojn da tiaj en la tuta enmigrantaro. La rezulto de tiu malekvilibro estis, ke nur korpe kaj mense perfektaj nederlandanoj transiris al Aŭstralio kaj ke tial la nacia sanstato de Aŭstralio fariĝis pli forta kaj tiu de Nederlando fariĝis malpli forta entute. Tio ne estis justa por la sane malforta parteto de nederlandanoj. Ekzemple dum la sama jaro 1952 Esperantista al ni amika familio ne ricevis la rajton fariĝi aŭstralianoj pro tio ke unu el iliaj tri infanoj havis malfortan vidon kaj devis surhavi okulvitrojn.

Tiu laŭ mi maljusta regulo favoranta Aŭstralion kaj malfavoranta Nederlandon kaj la familion kun unufilaj okulvitroj nun plu validas por ĉiuj enmigrantoj en nian landon. Notu ke pasintan semajnon unu tia enmigrofamilio en Melburno bonŝance, sed tre malfacile, ricevis specialan ministran permeson australianiĝi kun malsana filo, tiel ke ili ne bezonis forlasi la infanon en la elmigrolando. Tiu speciala permeso montras, ke ĉi tiu enmigroregulo estis maljusta.

Cetere Aŭstralio akceptis dum mia transmigrado ĉiajn enmigrantojn ĉu instruistojn kiel mi, ĉu oficistojn, ĉu kuracistojn, ĉiujn por manlabori en la Neĝmontara Akvorezervujo en Bonegilla, kiu tiutempe fosatis en norda Viktorio. Nur kelkaj el la pasaĝeroj de la granda pasaĝerŝipo, speciale uzata por transporti migrantojn el Eŭropo, ne bezonis iri al Bonegilla, ĉar ili, kaj mi pro Esperantistoj, jam havis loĝdokumenton en Melburno. Mi ja ne deziris sendati al loko malproksima de Melburno, por tuj trovi instrupostenon. Malgraŭ tio mi tamen devis labori en diversaj okupoj, ekzemple kiel ĝardenisto, kiel poŝtoficisto, en lanklasifikejo, kaj en tubizolfabriko. Lernejoj ne kuraĝis dungi min, ĉar “mi ne havis sperton trakti aŭstraliajn junulojn”. Sed post kvar monatoj mi komencis labori en mezgradaj lernejoj, ĝis 1990. Unue en Ĝilongo, poste en Hobarto, kaj post tio en Melburno, kie mi laboris ankaŭ en lernejo por eduki instruistojn.

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




Karaj, La 4an de oktobro eldoniĝos nova libro pri Esperanto "Bridge of words".
Jen filmeto en kiu vi povas vidi la aŭtorinon.


Esther Schor

https://www.youtube.com/watch?v=KzCYfUWdFcA

Kaj tie estas bildo de la libro

https://www.amazon.com/s/?index=books&keywords=9780805090796&tag=macmillan-20

Amike Nicole Else



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Klaso en Centra Marbordo



Jen estas raporto pri nia klaso en Centra Marbordo. Ni havis 4 studentojn dum 6 semajnoj sed 1 studento ne povis daŭrigi pro la familia tialo. Li revenos venont foje.
Dankon pro via subteno de Esperanto movado en nia regiono.
Ĝis revido! Joanne Cho

## Novaj Esperantistoj estas naskitaj en Centra Marbordo (Central Coast)!!!

Ni en Centra Marbordo deziras prezenti 3 novajn Esperantistojn. Tiuj 3 estas Eckard (la plej maldekstre en la foto), Monika (apud Eckard), kaj Karina (la plej dekstre). Ili lernis Esperanton dum



30 horoj inter Junio kaj Aŭgusto de 2016.

Ili estas ege diligentaj lernantoj. Kvankam ni havis klasojn nur dum 3 horoj ĉiun semajnon, ili kutimas hejmtaski kaj pli studi en siaj hejmoj preskaŭ ĉiu tage.

Post la lecionoj, ili nun havas fortan gramatikon kaj kapablas fari la frazojn kiujn ili deziras. Ili nun vidas eblecon praktiki kaj utiligi Esperanton kiam ili baldaŭ vojaĝos eksterlande. Monika vojaĝos Hispanion en Septembro kaj Karina al Suda Koreio kaj partoprenos en Korea Esperanto Kongreso. Ni deziras belegan Esperantan tempon al Monika kaj Karina!

Joanne Turvey instruis ilin kun pasio. Joanne estas profesia instruisto kiu havas universitatan diplomon pri lingvo instruado. Ŝi estas Esperantisto jam pli ol 22 jarojn kaj ĉiam penas interesigi homojn pri Esperanto.

**Sube estas ekzemplo de ilia kapablo post 30 horoj da Esperanto lernado, skribita de Eckard.**

Bona Dieto Bona Sano

Mia nomo estas Eckardo. Mia profesio estis natura kuracisto, sed nun mi estas enirinta al kvieteco.

Nun mi estas naturisto kaj mi tre ĝuas la belan naturon. Mi ĉiam provas esti sana. Mi laboras en mia ĝardeno, kie mi kultivas legomojn kaj diversajn fruktojn nature, organe kaj sen venenaj kemiaĵoj.

Mi penadas por subtenebleco kaj memsufiĉeco. Mi volas ordigi la teron.

Ankaŭ mi penadas por paco en la mondo kaj mi opinias ke la internacia lingvo, Esperanto estas tre bona rimedo por atingi tion. Mi volas ke miaj genepoj estu lernontaj esperanton en la lernejo. Mi amas la Esperantan komunumaron.

## Lingva festivalo



La lingva festivalo hodiaŭ (3a de Septembro) en la biblioteko de Waverley, Sidnejo bone sukcesis, kvankam ne estis homamaso. Richard Delamore prelegis pri Esperanto.
Amike, Nicole



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Je Sabato la 4,a Septembro venis Roger Springer, John Casey, Eunice Graham. Malgranda sed amika grupo

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**
http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero. (per tio al la mondo)**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj



**aŭskultas la retradion ĉiun tagon**
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Ĉirkaŭ 5 minutaj progamoj